# BEL

Nº 08 - AŬG / 83

INFORMA BULTENO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO
Boletim Informativo da Liga Brasileira de Esperanto
Praça da República 54-2º andar - 20.211 - Rio de Janeiro-RJ
BRASIL ( Tel: 2326309 )

**IMPRESSO**

## KIAL UNESKO-KURIERO NE APERAS EN ESPERANTO ?

La respondon al tiu tre interesa demando vi trovos en la revuo ESPERANTO (Aŭg/ 1983).

Fakte , oni ankoraŭ ne sukcesis eldonigi tiun mondfaman revuon en la Internacia Lingvo . Tamen , la brazilaj legantoj de la portugala eldono " O CORREIO DA UNESCO "(Aŭgusto/1983) jam povas informiĝi pri la ebleco tuj lerni Esperanton pere de la modernaj lerniloj verkitaj de Sylla Chaves kaj kuneldonitaj de Fondaĵo Getúlio Vargas / Brazila Esperanto-Ligo.

La apuda reklamo , kiun ni malgrandigite aperigas ĉi tie , okupas la tutan antaŭlastan paĝon ( internan kovrilon ) de la menciita revuo.

Ni atendu la rezulton de tiu bone aranĝita disvastigilo!

ПОЧЕМУ МЫ НЕ ГОВОРИМ НА ОДНОМ ЯЗЫКЕ ?
Why don't we all speak the same language ?
A cang nee faafaa.

No Ano da Comunicação,
A FGV Favorece o Aprendizado do Idioma Internacional
(Por Meio de Três Conjuntos para Autodidatas)

1 — Kio Estas Esperanto? cartaz-curso-disco para o rápido estudo básico do idioma. Inclui a gramática e as 200 raízes de uso mais freqüente. Até 30.09.83: Cr$ 1.500,00

2 — Conjunto de dois livros (Aŭdu Kaj Lernu e Nova Amiko Inter Ni) e dois discos compactos (La Alfabeto de Esperanto e Kantu Kaj Lernu). Ate 30.09.83: Cr$ 3.600,00

3 — Aŭdu Kaj Lernu método completo, contendo os dois livros acima indicados e seis fitas. Ate 30.09.83: Cr$ 17.000,00

FGV: Rio Praia de Botafogo, 188 São Paulo - Av. Nove de Julho, 2029 Brasília - CLS 104, Bloco A, loja 37

## INSTITUTO GOIANO DE ESPERANTO- NOVA ESTRARO

La 7an de Majo de la kuranta jaro enpostenigis , en la sidejo de Instituto Goiano de Esperanto , la jenaj membroj de tiu asocio : Prez.-Fabrício Rodrigues Valle ; Vicprez.-João Batista de Brito ; 1a Sek.-José Fauzino de Souza; 2a Sek.-Siloé Evangelista Fernandes ; 1a Kas.-Gilmar Faria Bastos ; 2a Kas.- Álvaro Rodrigues Dias ; Dir. pri gazetaro -Paulo Cesar ; Dir. pri instruado- Eber Vaz ; Dir. Adm.- Raimundo Vieira Precenas ; Dir. pri sportoj- Marcos Antonio Cabral ; Bibl.- Itamar Borges de Souza. Konsilantoj : Frederico Pinto Cedro , Raul Conde kaj Antonio Lisboa.

Ni gratulas la novan estraron kaj pardonpetas pro la malfruiĝo de ĉi tiu noto. Ni ankaŭ uzas la okazon por danki pro la fasko da informoj senditaj ,inter kiuj ni reliefigas la disvastigadon de E-o ĉe lernejoj kaj ĉe foiro pri arto kaj manfaritaĵoj , okazinta en publika loko.

---

## ESPERANTO-SOCIETO DE PORTO ALEGRE - NOVA ESTRARO

Esperanto-Societo de Porto Alegre sciigis nin , ke la 15an de Aprilo pasinta, dum Ĝenerala Kunsido , estis elektita kaj enpostenigita la estraro , kiu gvidos tiun societon dum la oficperiodo 83/85 : Prez.-Wenceslau Gonçalves ; Vicprez.- Egon Breitenbach ; 1a Sek.- Paulo Isaias Ereno ; 2a Sek.- Solon Sant' Ana ; Kas.- Itamira Gomide ; Bibl.- A. Leivas Cardia ; Konsilantoj : Dorval Pereira da Silva ; Julião Rodrigues de Moura e George Otto Vaske.

Fruktodonan laboron , karaj samideanoj !

---

## KANTU KAJ LERNU - NOVA VERKO DE SYLLA CHAVES

La 14an de Julio , Sylla Chaves prezentis al la esperantistaro sian plej novan verkon : KANTU KAJ LERNU ( legolibro , gvidlibro kaj kasedo ).La lanĉo okazis ĉe sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj .

---

## RORAJMA ESPERANTO-ASOCIO - NOVA ESPERANTA GRUPO

Laŭ informo sendita de Samideano Raimundo Dourado de Souza , estis fondita RORAJMA ESPERANTO-ASOCIO ( Strato Antonio Cabral 219 , 13 de Setembro , 69.300- Boa Vista -RR ) , la 30an de Julio pasinta , kiam oni elektis la jenan estraron por unu-jara periodo : Prez.- Raimundo Dourado de Souza ; Sek.- Silvana Marcia ; Vicsek.- Maria Nazaré Souza ; Kas.- Washington L. Aquino ; Vickas.- Rosineide Aquino de Souza ; Bibl.- Raimundo Souza de Aquino.

Ni kore bonvenas la ĵus aperintan Esperantan grupon. Antaŭen !

---

## BRAZILA ESPERANTO-LIGO 76-JARIĜIS

La 21an de Julio , BEL fariĝis 76-jaraĝa. Se ĝi kapablus esprimi sian senton , eble ĝi dirus , ke ĝi pasigis sian datrevenon en feliĉa etoso. Jes , ĉar ĝuste en tiu dato , duono de ĝia estraro estis partoprenanta la 16an Brazilan Seminarion de Esperantistoj , en Ouro Preto-MG , kie oni en treege frateca rondo ekplanis pri novaj paŝoj favore al brazila esperanto-movado kaj al efektiva kunlaboro inter BEL , KKE kaj BKE.

---

## BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO (BEJO)-Nova estraro

La 22an de Julio , en Ouro Preto-MG , dum la 16a BRAZILA SEMINARIO DE ESPERANTO, la ĉi-jara asembleo de BEJO elektis la jenajn estraranojn : Prez.- José Luiz Ferreira ; Vicprez.- Ricardo Martinez Fortes ; 1a Kas.- Maria Antonia Ladalardo ; 2a Kas.- Maria Vitória Rodrigues Travassos ; 1a Sek.- Marcelo Urbano Ferreira ; 2a Sek.- Marcelo Whately Paiva .

Se vi deziras pli bone informiĝi pri tiuj junaj batalantoj , ni sugestas , ke vi legu la primovadan bultenon eldonitan de BEJO ( N-ro 14, Aug/83). Tamen , se vi ankoraŭ ne estas BEJO-ano , kaj ĝuste pro tio ne ricevas ĝiajn eldonaĵojn, la propono estas alia : Skribu al ili kaj tuj petu aliĝilon . Adreso : Caixa Postal 2761. CEP 01051- São Paulo-SP.

---

## 216a DATREVENO DE LA URBO S.JOSÉ DOS CAMPOS -SP

La oficiala programo por memorigi la 216an datrevenon de la fondo de S.José dos Campos-SP , kies festoj komenciĝis la 22an kaj finiĝis la 31an de Julio pasinta, enhavis gravegajn esperantajn eventojn. Laŭ raporto prezentita de S-ano Gentil de Lima , kiu afable akceptis reprezenti la prezidanton de BEL ĉe la solenaĵoj , tie estis esperantistoj el pluraj brazilaj urboj el SP , MG ,BA, DF ,RJ, k.a.

La 31an , en la ĉefĝardeno de la urbo (Praça Afonso Pena ), oni inaŭguris buston de D-ro Zamenhof. Poste ,vespere , okazis arta programo prezentita de la konata esperantista grupo CRISOL , el São Miguel Paulista-SP.

Elkore ni dankas al la Organiza Komitato kaj al Esperantista Grupo de S.José dos Campos pro la ĝentilaj korespondaĵoj senditaj .